# Konstru-Forumo 3

**Julio – aŭgusto 2005**

**Jan Werner, Dřínová 18, CZ-61200 BRNO**

## Kontaktoj

**Bouchet Rémy** – la leteroj el 2005-06-08 kaj 2005-07-06. Titolo de la artikolo por TAKE: Uzado de ŝtallado por tegmenta kovrado.

**Bronislav Ĉupin** – la retleteroj el 2005-05-28 kaj 2005-06-26. Titolo de la artikolo por TAKE: Teknologio kaj organizado de specifaj konstruistaj laboroj.

**Haszpra Ottó** – la retletero el 2005-07-23. Printempe 2005 trafis lin cerba apopleksio, li pasigis certan tempon en hospitalo. Nun li fartas bone, la malfortigita memorkapablo pliboniĝas. Mi deziras al li elkore plenan sanon kaj emon plugi plu nian sulkon, kiel antaŭe. Mi informas la kunlaborantojn, ke en majo 2004 Ottó Haszpra fariĝis orda membro de la Hungara Scienca Akademio. En la sesio de la Akademio li prelegis je la temo „Egaleco kaj ekonomieco en la internacia komunikado".

**Heinz Hoffmann** – la retletero el 2005-07-06. Titolo de la artikolo por TAKE: Specoj de trakforkoj.

**Jan Kalný** – la retletero el 2005-04-20. Li promesis verki artikolon pri urbanismo kaj arĥitektura kreado (en la feria tempo).

**Fabien van Mook** – la retleteroj el 2005-05-27 kaj 2005-07-08. Li estas kompleza miajn leterojn „Konstru-Forumo" publikigadi en lia retejo, ekz. apud la retpaĝoj de la terminologia komisiono de TAKE. Dankon! Ĉu uzi la afablan proponon?

Li esprimis konsenton kun mia rekomendo rilate al „ŝakto" anstataŭ „puto" en la kazo menciita de Đ. Obradović. Pri „urbanismo" – vidu la koncernan temon 4 en la rubriko „Ni solvas termin-vakaĵojn". Pri la radiko „kver" de mi uzita en Ko-Fo 2 (kverŝpalo) li mencias kaj demandas: „Kver/ estas interesa nova vorto. Ĉu ankaŭ kverforto (*Querkraft, shearing force, cisaillement*)?" – La termineco de „kver" estas de Fabien prave videbla kiel interesa, tial mi envicigas ĝin por diskuti sub la n-ro 6.

Titolo de la artikolo por TAKE: Principoj de la nederlanda dekreto pri la teknika kvalito de konstruaĵoj. – En lia teksto, el la faklingva vidpunklto, estas interesa la uzo de vorto „efektivo" por la angla „performance". Tiu propono estas tiom grava, ke mi submetas ĝin al nia kolektiva diskuto, vidu la n-ron 7 en la rubriko „Ni solvas termin-vakaĵojn".

**Đorde Obradović** – la letero kaj retletero el 2005-06-06. Titolo de la traduke disponigita artikolo por TAKE el la plumo de mag. Marko Završki, univ. dipl. ing. konstr.: Konstrukciado de putoj (malfermitaj betonaj kestoj) ĉe fundamentado de pontoj. – El la letero de Đ. Obradović mi citas: „Rilate la terminon **puto** mi proponas ĝian novan signifon en konstrutekniko: konstruelemento-konstrukto, kutime en la formo de vertikala cilindro kun betonaj funda slabo kaj periferia vando, kiun oni uzas por profunda fundamentado de pontoj kaj altaj domoj. Oni uzas malplenajn aŭ plenigitajn (per betono aŭ per gruzo) putojn. Do, puto estas finkonstruita betona porta elemento kaj parto de la konstruaĵo… Por konstrui puton oni devas elfosi ŝakton, fari ŝelaĵon kaj betoni puton." – Mi respektas la rajton de la tradukinto elekti la nomon. Cetere, en pluraj lingvoj, inkluzive de la ĉeĥa, estas uzata la nomo „puto" (ĉeĥe: *zakládání na studních*, germane: *Brunnengründung*, angle: *well foundation*, ruse: *opusknoj kolodec* kaj supozeble ankaŭ en aliaj lingvoj „puto" en tiu ĉi signifo aperas).

**Shen Chengru** – la leteroj el 2005-05-13 kaj 2005-06-30. Titolo de la artikolo por TAKE: Pekino fiksis la regionan planon. Li iniciatis la publikigon de anonco pri kolektado de artikoloj por la Jarkolekto de TAKE 2005 en la „Informilo de ĈEL", n-ro 3/2005, p. 24. Koran dankon!

**Trista silento**. Ses novaj invititoj al partopreno por la Jarkolekto TAKE 2005 kaj al la diskutoj en nia Konstru-Forumo, fakdelegitoj de UEA por konstruado, al mi ne respondis (Florin Caragea el Britio, Uwe Lohse el Danio, Laurent Prezioso el Francio, Kristján Jónsson el Islando, Dmitrij Cibulevskij kaj Vladimir V., Ĥodin el Ukrainio).

Maurice Scudeller (FR), specialisto pri betono, proprainiciate skribinta al TAKE, invitita de mi por kunlaboro, ricevinta de mi donace la „Terminaron pri betono kaj betonistaj laboroj", ne respondis. Ĉu la ĉefredaktoro kaj kunordiganto de TAKE, s-ro Edmond Ludwig, povas demandi lin pri la motivo de seninteresiĝo?

Se esperantistoj deziras, ke Esperanto fariĝu efektive servanta lingvo internacia, aŭ komence almenaŭ lingvo de Eŭropa Unio, estas necese disvolvi ĉiujn ties specifajn faklingvojn, sen ili ja Esperanto ne povos kontentige servi. Denove mi spertis, ke esperantistaj fakuloj, krom nemultaj esceptoj, ne estas komplezaj dediĉi iom da sia libera tempo al evoluigado kaj trejnado de Esperanto en sia profesio. Kial? Pro nesufiĉa scipovo de la lingvo? Pro mallaboremo? Ĉu la ses invititoj ne respondis pro nealmetita respondkupono laŭ la reguloj de la delegita servo de UEA? we

## Jarkolekto de TAKE 2005

La promesitan artikolon jam sendis: R. Bouchet (FR), Shen Chengru (CN), B. Ĉupin (RU), H. Hoffmann (DE), F. van Mook (NL), Đ. Obradović (SI). Mi dankas al ili. Iom post iom mi faros la redaktan laboron. Se mi proponos iun iom gravan ŝanĝon, mi traktos pri ĝi kun la koncerna aŭtoro.

Mi atendas kontribuaĵon ankoraŭ de J. Kalný (CZ), J. Trojan (CZ) kaj eble, laŭ duonpromeso, ankaŭ de H. Kurhun (BY/PL). Mia artikolo estas duonpreta. Haszpra O. (HU) pro la supre menciita malsaniĝo ne povas la taskon plenumi.

Estas inde mencii (eĉ se malfrue), ke la ellaboro de artikolo por la Jarkolekto ne estos kompensata per honorario.

Ĉiuj aŭtoroj de artikolo ricevos unu aŭtoran ekzempleron de la kolekto. Mia demando (nekonsultita kun la estraro de TAKE) estas: Kiu el vi estas preta akcepti la taskon prepari la „Jarkolekton de TAKE 2006“? Jam estas tempo pensi pri la afero.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

Rimarko: La numerado de la vico komenciĝis ĉe „kompozito“ (1).

### 2 Ŝpalo ne nur fervoja

**Fabien van Mook** atentigis, ke en la tabelo (vidu Ko-Fo 2) la ero a) ne akordas kun la nederlandaj terminoj *schakel* kaj *korteling*, ĉar ili estas ĉiam metitaj orte al fasado. Li dubas ankaŭ pri la menciitaj terminoj germanaj, angla kaj franca en la sama ero a). Krome li dubas pri la franca *lambourde* en la ero b).

**Bouchet Rémy** informis, ke por ŝpalo estas ekvivalenta la franca vorto *traverse*. Du ties signifoj, laŭ franca difinvortaro, rilatas al nia temo: 1. Stango aŭ rigida peco transverse metita, uzita por kunligi aŭ firmigi vertikalajn elementojn, stangojn (ŝpalo de fenestro). 2. Peco el ligno, ŝtalo aŭ betono metita transverse de la vojo por firme teni la relojn kaj transdoni la relajn ŝarĝojn al la balasto (ŝpalo de fervojo). – En seslingva leksikono pri ŝtalaj konstruaĵoj s-ro Bouchet trovis la jenajn tradukojn (konekse al lia supra divido): 1. *cross beam, cross girder, cross truss (en); traverse, dwarsbalk (nl); Querhaupt, Querbalken, Querträger (de); traversaño (es); traverso, trave transversale (it).* 2. *sleeper (en), tie (US en); dwarsligger (nl); Schwelle (de); traviesa (es); traversina ferroviaria (it).* – En la tabelo (vidu Ko-Fo 2), linioj c, d kaj e, eble taŭgas por la franca „*traverse*“. La traduko *„bois de maille“* estas al s-ro Bouchet nekonata (li ne estas fakulo pri ligna konstruado).

**Provizora resumo**: La termino „ŝpalo“ laŭ la signifo 1 de NPIV respondas al la ses signifoj prezentitaj en la „Konstru-Forumo 2“, kiuj plenumas la kondiĉojn: ŝpalo estas proksimume horizontala trabo el ligno, ŝtalo aŭ betono kuŝanta laŭ sia plena longo sur grundo aŭ alia firma subaĵo, al kiu ĝi peras suferatan ŝarĝoforton. Ŝpalo estas principe orta al fasado, portata stako aŭ linia objekto. Se ĝi estas orientita laŭlonge al la objekto, oni uzu la formon „longŝpalo“. Se ŝpaloj prezentas glitan transportilon, oni uzu la formon „glitŝpalo“. En historia ligna planko estas „planka ŝpalo“. Ĉe trabfakaj kaj similaj lignaj konstruaĵoj sub la nivelo de solivoj aperas „vandaj ŝpaloj“. – RIM.: La nacilingvajn ekvivalentojn en la „Konstru Forumo 2“ konsideru kiel nekonfirmitajn.

### 3 Trabfaka…

**Bronislav Ĉupin** konsentas kun la termino „trabfaka domo/konstruaĵo/sistemo“ kaj ankaŭ kun la proponitaj nomoj de unuopaj elementoj.

**Fabien van Mook** pri trabfaka konstruaĵo: Mi opinias la proponitajn terminojn oportunaj. Mi proponas tamen (2) „sojla trabo de vando“ anstataŭ „sojlo de vando“. Mi ŝatus scii de vi kaj de la aliaj membroj, ĉu la konstrusistemo, kia ĝi prezentiĝas en la bildo, estas ankoraŭ nun aplikata. Eble estas interese kompari ĝin kun modernaj lignaj konstrusistemoj. Mi konjektas, ke en modernaj lignaj sistemoj la elementoj 4, 8, 11 ne plu aperas pro la apliko de tavollignaj platoj, kiuj estas plene fiksataj al la horizontalaj kaj vertikalaj elementoj. – J.W.: La sistemo estas aplikata ĉe konservitaj historiaj konstruaĵoj kaj miascie ne aplikiĝas jam en tia formo ĉe novaj konstruaĵoj. Tamen la historiaj trabfakaj objektoj estas relative multaj, pluraj el ili estas en Ĉeĥio protektataj kiel naciaj kulturaj objektoj (monumentoj). La novaj aplikoj identas kun la konciza priskribo de Fabien fan Mook. Ĉu estas la sama

situacio en aliaj landoj? Iuloke la sistemo ne estis uzata pro manko de konstruligno (en landoj kun malmultaj arbaroj).

**Provizora resumo**: Kontraŭ la propono „trabfaka…“ neniu obĵetis, ni konsideru ĝin uzebla en la ligoj trabfaka domo/konstruaĵo/sistemo.

## 4. Urbanismo kaj urboplanismo

**Fabien van Mook**: Ankaŭ al mi la du vortoj ŝajnas sinonimoj. Al mi iom strangas la sufiksa finaĵo -ismo, se la nocio signifas urbanizadon (vidu en PIV…). Krome, mi demandas al mi, ĉu urboplanismo rilatas nur urbojn kaj urbanizadon, aŭ ĉu ĝi rilatu ankaŭ al la ordigo de tutaj regionoj kaj landoj (laŭ infrastrukturo kaj loĝadaj, industriaj, naturaj ktp. zonoj)? Ĉu nomi tiun lastan „regionplanado“? Ĉu distingi inter pli-malpli abstrakta urba planado (urban planning) kaj pli-malpli konkreta urba skizado (urban design)?

**Jan Kalný**, kiu preparas por TAKE artkolon pri tiu temo, perferas la internacian terminon urbanismi kaj urbanisto.

**Jan Werner**: Mi nur iom studis la fakon kaj ne praktikis, tamen mi provas karakterizi la parencajn nociojn: urbanismo, urboplanismo, urbaniz(ad)o, konscie nerespektante PIV kaj NPIV, kie urbanismo mankas kaj urbanisto estas esprimita erare per urbanizisto.

**Urbanismo**: Komplekso de sciencaj kaj artismaj metodoj kaj procedoj servantaj ĉe fondado kaj formado de homa setlado. Ĝi partoprenas precipe ĉe solvado de komplekso da taskoj en humane funkciantaj urboj, sed ankaŭ ĉe ceteraj setlejoj, pejzaĝo kaj de tutaj teritoriaj unuoj, eĉ landoj, akcentante formadon de dezirata vivmedio. Objekto de urbanisma traktado ne estas nur materia urbo, sed precipe ties loĝanto, urbano. Pro tio adekvatas la nomoj : urbanismo, urbanisto.

**Urbanizo**: Proceso, en kiu okazas relativa kaj ankaŭ absoluta kresko de urboj. Ĝi estas senpere ligita al la procesoj de industriigo kaj demografia revolucio, al scienca-teĥnika disvolvo kaj ekonomia kresko de ŝtata aŭ regiona sfero. Ĝi estas akompanata de signifaj sociaj-socialaj ŝanĝoj, kiuj estas en konekso kun la evoluo de tradicia populacio al populacio moderna (ne ĉiam ŝanĝo pozitiva). Kune kun la koncentriĝo de loĝantoj en urboj okazas ankaŭ koncentriĝo de fabrikado, servoj, diversaj funkcioj…

**Urboplanismo** povas esti konsiderata preskaŭsinonimo de urbanismo, sed iom teĥnike kaj administre orientita al bezonoj de komunumaj administraj centroj, al bezonoj de realaj planistoj, ol al bezonoj de ordinara loĝanto, civitano.

**Observo de ekvivalentoj**: **Urbanismo** – (en) town planning, city planning; (de) Städtebau; (fr) urbanisme, aménagement des villes; (ru) urbanizm, gradostroitel'stvo, planirovka gorodov; (pl) urbanistyka; (cs) urbanismus). – **Urbanizo** - (en) urbanization; (de) Verstädterung, Urbanisierung; (ru) urbanizacija, zastrojka gorodov po planu; (cs) urbanizace. **Urboplanismo** – (en) city planning, town planning (mirige, kiel ĉe urbanismo); (de) Stadtplanung; (ru) planirovanie gorodov; (cs) plánování měst. – La flankelemento de la kunmetaĵo „urboplanismo“ (urbo) povas sin ŝanĝi al aliaj kategorioj: **vilaĝoplanismo** aŭ **kampara planismo** (country planning; Dorfplanung; plánování venkovských sídel k.s.), **regiona planismo** (regional planning; Gebietsplanung; rajonnaja planirovka; regionální plánování k.s.), **landplanismo** (land planning; Landesplanung; plánování velkých územních celků k.s.), ĝenerala „**teritoria planado**“ (physical planning, territorial planning, town and country planing; gebietliche Projektierung; územní plánování k.s.).

Mi ankoraŭfoje petas, ke vi esprimu vian opinion pri la tri terminoj: urbanismo, urboplanismo, urbanizo, resp. ankaŭ urbanisto, kiu estas urbanisma specialisto, tiudirekte specialigita arĥitekto.

## 5. Secesio (nova propono de J. Werner)

Secesio estas artstilo aperinta ĉirkaŭ 1900, ĝi strebis pri nova artisma esprimo, liberiĝinta de la ĝistiama dominanta historiismo – la lasta el la universalaj internaciaj stiloj, prezentiĝanta en artoj, modo kaj vivstilo. Ĝi aperis en Anglio (*Modern Style*) jam en la 80-aj jaroj de la 19-a jarcento. En Francio ĝi estas nomata *Art nouveau* kaj estis disvastigita precipe pere de la ĉeĥa pentristo Alfons Mucha. En Germanio ĝi estas nomata *Jugendstil*, *Sezession*, en Austrio *Sezessionsstil* aŭ *Wiener-Sezession*, en Ĉeĥio *secese*, en Italio *stile liberty (floreale)*, en Britio ankaŭ francmaniere *Fin de Sièclism* kaj *Secession.*

La nomo **secesio** enhave devenas el la protesta movado de artistoj strebantaj pri netradicia esprimo kaj dekliniĝantaj disde la tiutempa akademisma arto, la vorto mem devenas el la latina ***secessio*** – deiro, foriro.

La esperanta vorto „secesio“ jam ekzistas en juro (NPIV) (parolante pri grupo, societo, ŝtato): Apartiĝo disde socia korpo, al kiu oni apartenis, ekz. eklezio, federacio, ŝtatunuiĝo, por iĝi sendependa. Nia artstila apartiĝo estas analogia, la homonimio ne estas ĝena. – Kia estas via opinio?

## 6 kver/ - NPIV: Pref., indikanta transversecon

F. van Mook: „Ĉu ankaŭ kverforto (*Querkraft, shearing force, cisaillement*)?“

Mi konatiĝis kun la prefikso kver/ en „Slipara Vortaro“ de R. Eichholz en la jaro 1968, kiam mi kunlaboris kun li. Jam la aŭtoroj de PIV el 1970 envicigis ĝin.

Nocioj esprimantaj forton orientitan transverse (kvere) estas kelkaj, en nacilingvoj estas por ili kelkaj terminoj, uzataj bedaŭrinde neunuece. Laŭ miaj literaturaj fontoj estas ambigue uzata la germana *Querkraft*, la angla *shearing force* kaj ankaŭ la rusa *поперечная сила* (poperecnaja sila). Mi unue provos difini la variojn de la forto.

**transversa forto** – forto kiel vektora grando, efikanta al unudimensia konstruelemento, kutime fleksata, orte al ĝia laŭlonga akso. **T. f.** estas ĝenerala nomo por tonda forto kaj kverforto. Ekvivalentoj: (en) *lateral force*, (de) *Querkraft*, (fr) *force transversale*, (ru) *poperecnaja sila*, (cs) *příčná síla*.

**tonda forto** (tondoforto) – komponanto de forto efikanta en areo de sekco (kversekco) kaj kaŭzanta la tondan streĉon, sekve do kverforton. Ekvivalentoj: (en) *shearing force*, (de) *Scherkraft, Schubkraft*, (fr) *force de cisaillement*, (ru) *srezyvajuŝĉaja sila* [ы = y], *sdvigajuŝĉaja sila*, (cs) *smyková síla*.

**kverforto** – unu el la komponantoj de rezultanto de internaj fortoj en certa sekco de konstruelemento, event. konstrukto. Ĝi estas komponanto orta al la akso de vergo, do en la areo de la sekco, nome en la centrolinia ebeno. Ĝi servas por esprimi tondajn streĉojn $\tau$ ĉe flekso. Ekvivalentoj: (en) *shearing force*, (de) *Querkraft, Schubkraft, Scherkraft*, (fr) *effort tranchant*, (ru) *poperecnaja sila, pererezyvajuŝĉaja sila*, (cs) *posouvající síla.*

Mi opinias la distingan proponon akceptebla, ankaŭ pro tio, ke en la ĉeĥa lingvo ĉiuj tri varioj estas precize distingataj. Kia estas via opinio?

## 7 Efektivo

Fabien van Mook per la vorto „efektivo“ referas al la nocio de reala ekzisto de iu fenomeno aŭ efiko. En la angla kaj franca oni nomas la nocion *„performance“*. En malvasta teĥnika senco oni uzas ĝin por esprimi kvanton da laboro farita en tempounuo. Sed ĝenerale oni plivastigas ĝian signifon je ajna fenomeno, esprimante tiel utilan efikon (plenumado de certa realiga, produkta tasko, rezulto de farata laboro, povumo kaj efikeco, rendimento de maŝino k.s.). Reale do temas pri efektivo, minimuma aŭ maksimuma. Prikonsiderante la aferon konsciu, ke *performance* havas signifojn ankaŭ en lingvistiko (N. Chomski) kaj en belartoj.

Ĉu vi do konsentas pri la proponita ekvivalenteco de (en) *performance* kaj (eo) efektivo? Aŭ vi preferas la simplan elprunton „performanco“?

# Vortoj de la editoro

Mi ĝojas pro ĉiu via aktiva partopreno en la iniciato „Konstru-Forumo“, tamen mi malĝojas, ke ni estas malmultaj, ke ĝenerale esperantistoj-fakuloj kiel movadanoj preferas de profesiaj aferoj distanciĝi. Mi estas tolerema kaj ne eldevigas vin okupiĝi pri ĉiu prezentata tasko. Tamen mi esperas, ke vi komunikos al mi vian starpunkton almenaŭ al la problemoj, kiuj vin interesas kaj kiuj estas al vi profesie proksimaj. Ju pli frue, des pli bone, sed limtempon mi ne indikas. Vi povas esprimi vin ankaŭ al la temoj malnovaj, ĉu solvitaj, ĉu fermitaj provizore pro manko de pliaj informoj ebligantaj analizi kaj plu evoluigi solvon de problemo.

Kiel kontribuon al la komuna strebado mi konsideros akiron de pluaj konstrufakaj profesiuloj, ankaŭ arĥitektoj kaj koneksaj metiistoj. Mankas al ni specialisto el angle parolanta lando, germano, hispano kaj personoj el ekstereŭropaj landoj, kiuj povus iom forviŝi la eŭropisman karakteron de la lingvo, resp. kompletigi ĝin per nocioj kaj terminoj el ilia teritorio.

Brno (Brunno) la 28-an de julio 2005

*Jan Werner*